# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund**

7. Jahrgang Nr. 45 Januar–Februar 1971 30 Pf


## *Unuaj ekzamenoj por kursgvidantoj*

*Bona kaj celkonscia laboro en ĉiu ajn sektoro de la socio ne eblas sen faksperta kaj ĝusta gvidado. Sed faksperta kaj efika gvidado ne eblas sen daŭra klerigado de la gvidaj personoj. Tio kompreneble ankaŭ validas por la laboro de la esperantistoj. Centra Laborrondo Esperanto pri tio konscias ek de sia fondiĝo kaj tial ĉiujare regule okazigas seminariojn por kursgvidantoj.*

La 5-a tiuspeca seminario okazis de la 30-a de novembro ĝis 8-a de decembro 1970 an la luksa domo de la Germana Kulturligo en la ĉelaga Bad Saarow. 35 partoprenantoj el tuta GDR okupiĝis pri fakaj kaj aktuale sociaj problemoj. La prezidanto de CLR, *Rudi Graetz,* konigis la eĥon *eksterlandan pri la GDR-libro,* kiu estis tiom varia kaj interesa, ke ĝi instigis je eldono de nova bone presita broŝuro pri la kleriga sistemo de GDR. Eminentaj prelegantoj parolis pri *problemoj de la gvida rolo de la laboristaro en socialismo, pri problemoj de la eŭropa sekureco, moderna reviziismo, spirita manipulado en kapitalismo, kaŭzoj kaj fono de la israelia agreso. D. Blanke* skizis en plurhoraj referatoj *bazajn problemojn de interlingvistiko kaj esperantologio kaj metodiko de esperanto-instruado.* Krome oni montris *lumbildojn pri Irako, Sirio kaj VAR (R. Graetz)* kaj pri *tri esperanto-kongresoj (Helsinki, Wien, Graz).* Ni ne forgesu mencii la spertan kaj viglan „kantigon" de ĉiuj pere de amiko *Rudi Burmeister.* Ĉiu vespero havis libervolan programeron, kiuj tamen vizititis de pli ol 80 procentoj. Dum tiuj vesperoj estis pritraktitaj *lingvaj problemoj de Esperanto, argumentoj por internacia lingvo,* prepariĝo je la ekzameno kaj multo alia.

*La unuan ĉimaniere centre organizitan oficialan ekzamenon por kursgvidantoj partoprenis sukcese 16 ligoamikoj, konsiderinda nombro.*

La bona kaj tre harmonia kolektivo finis la seminarion per gaja vespero, ne forgesante, tamen, esprimi sian *solidarecon kun Angela Davis* kaj ĉiuj persekutataj progresuloj per solidareca rezolucio kaj oferdono por Vjetnamio, sume 190 markojn. Entute, seminario laborriĉa, fortostreĉa kaj tre sukcesa.

# Sitzung des Zentralen Arbeitskreises Esperanto der DDR im DKB

Am 7. und 8. November 1970 führte der Zentrale Arbeitskreis seine dritte Sitzung im letzten Jahr durch. Der Vorsitzende des ZAK, Rudi Graetz, faßte noch einmal die Ergebnisse des ersten zentralen Treffens der Esperantisten der DDR zusammen. Dabei betonte er das sehr hohe inhaltliche Niveau der Diskussionen im Plenum und in den Fachgruppen und wertete dieses Treffen als den Abschluß einer wesentlichen Etappe in der Entwicklung der Tätigkeit der Esperantisten der DDR. Dieses Treffen leitete aber auch eine neue Etappe ein, in der es gilt, entsprechend den hohen Anforderungen der 70er Jahre, sich vor allem auf folgende Grundaufgaben zu konzentrieren:

1. *Die Gewinnung aller noch abseits stehender Esperantisten für eine aktive Mitarbeit.*
2. *Die breitere Erforschung der Traditionen der Arbeiter-Esperantobewegung und die noch lebendigere und wirkungsvollere Anwendung ihrer Lehren in den Gruppen.*
3. *Die allseitige inhaltliche und organisatorische Festigung der Gruppen und Bezirksarbeitskreise.*
4. *Die Erhöhung des sprachlichen Niveaus der Esperantisten.*
5. *Die Verbesserung der Arbeit mit der Jugend in Zusammenarbeit mit der FDJ.*
6. *Eine kontinuierlichere und wirksamere Leitungstätigkeit.*

Das sind also alles Aufgaben, die eine höhere Qualität in der Realisierung der Richtlinien fordern. Für den Bereich der internationalen Arbeit heißt das vor allem, die freundschaftliche Zusammenarbeit mit der Sowjetunion und den anderen sozialistischen Staaten weiter allseitig zu entwickeln, die MEM zu stärken, alle Möglichkeiten einer sinnvollen Korrespondenz zu nutzen, um der DDR im Ausland weitere Sympathien zu gewinnen. Wie auch die Diskussion ergab, wurde das gesamte Treffen, auch in seiner interessanten und wirksamen Struktur, als sehr erfolgreich eingeschätzt. Besonderes Augenmerk widmeten die Tagungsteilnehmer der weiteren Arbeit der Fachgruppen. Ausgenommen die Fachgruppe Methodik (und in letzter Zeit leider auch Terminologie) ist bei den Kommissionen für „Arbeiterbewegung", „Jugend" und „Interlinguistik" eine erfolgreiche Entwicklung zu verzeichnen. (Die Fachgruppe „Arbeiterbewegung" tagte am 19. 12. 1970 — die Red.).

Der Arbeitsplan des ZAK für 1971 wurde bestätigt, ebenso die Vorhaben der Bezirksarbeitskreise.

Die ausführliche Diskussion der Vertreter der Bezirksarbeitskreise zeigte einen wesentlichen Qualitätsanstieg in der Arbeit. So besteht auch seit einiger Zeit im Bezirk Erfurt ein Bezirksarbeitskreis. Das zentrale Treffen wurde in allen Gruppen und Bezirksarbeitskreisen sorgfältig ausgewertet. Die Waltershausener Esperantisten arbeiten an einer Studie zur Geschichte der örtlichen Arbeiterbewegung. Die Freunde aus dem Bereich Suhl stellen einen Dia-Tonband-Vortrag fertig. Leipzig erhielt einen erschütternden Dokumentarfilm über die Opfer des Atombombenabwurfs über Hiroshima in Esperanto. In vielen Bezirken wurden die bestehenden Patenschaftsbeziehungen zu befreundeten Städten im sozialistischen Ausland in der Arbeit berücksichtigt. Ausstellungen und Veranstaltungen zu Ehren des 25. Jahrestages der SED werden vorbereitet. In Karl-Marx-Stadt wird gute Arbeit unter der Jugend geleistet und Wochenendkolloquien durch-

## *Mit Hilfe von Freunden*

*M. B. Cimberow,* Vorsitzender der Jaltaer Esperantistengruppe wurde von der ukrainischen Esperantistenvereinigung mit der Aufgabe betraut, im Rahmen der Gesellschaft für freundschaftliche und kulturelle Verbindungen mit dem Ausland Material über Lenins Wirken im Ausland zu sammeln. Ein diesbezüglicher Aufruf an die Esperantisten hatte zur Folge, daß mehr als 100 Druckschriften und illustriertes Material aus elf Ländern eingingen, das Auskunft über das Leben und Wirken W. I. Lenins im Ausland gab.

Einer der ersten, welcher sich nach Bekanntwerden der Jaltaer Bitte meldete, war ein alter deutscher Kommunist, der Mitarbeiter des Dimitroffmuseums in Leipzig, *Otto Bäßler.* Er schickte Fotokopien der ersten Ausgabe der „Iskra" nach Jalta, in welcher Artikel W. I. Lenins veröffentlicht waren, z. B. „Die wichtigsten Aufgaben unserer revolutionären Bewegung". Außerdem schickte er eine Serie Ansichtskarten von Leipzig, Aufnahmen von der „Iskra"-Druckerei, von der Leninstraße, sowie vom Lenin-Museum in Leipzig.

Mit dem finnischen Esperantobund wurden die Jaltaer über einen alten finnischen Kommunisten bekannt, einem Journalisten aus der Stadt Turko, mit Namen *Niko Kavenius.* Dieser war Teilnehmer am 3. Kongreß der Komintern und hatte sich mit Lenin getroffen. Niko Kavenius schickte ein Fotoalbum „Lenin in Finnland 1905, 1906, 1907, 1917" nach Jalta. Eine Miniaturkopie des Albums war von Präsident *Kekkonen* unterschrieben.

Die tschechische Esperantistin *Vlasta Bogaschewa,* Russischlehrerin und alte Kommunistin, kam als Touristin nach Jalta. Hier erfuhr sie alles über die Bemühungen der Jaltaer Esperantisten und beteiligte sich sofort an der Arbeit der ausländischen Freunde. Nach Prag zurückgekehrt, sandte sie u. a. Prospekte und Aufnahmen über das Lenin-Museum sowie über jenes Gebäude, in welchem 1912 die 6. Konferenz der RSDRP stattgefunden hat, eine Lenin-Biografie in tschechischer Sprache, u. a. m.

In der Jaltaer Sammlung befinden sich zehn Materialien, welche aus London kamen.

Der Eisenbahner *Heinrich Schmutz* aus Alschwila schickte 25 Zeitungsausschnitte mit Artikeln „Lenin in der Schweiz". Die Leiterin des Krakower Esperantistenklubs, *Adela Mileswska,* ergänzte die Jaltaer Sammlung durch 17 Dokumentationen aus dem Leninmuseum in Krakow, sowie Aufnahmen über Lenin'sche Erinnerungsstätten in Paronino, Zakopane und Krakow.

Die Dokumentensammlung der internationalen Leninfreunde, an der Esperantisten aus England, Frankreich, Schweden, Polen, Finnland, Ungarn, Jugoslawien, Bulgarien, aus der DDR, der ČSSR und aus der Schweiz großen Anteil haben, nimmt ständig an Umfang zu.

I. Nejaschenko

---

geführt. Rostock bereitet eine Mappe über die politische Wirksamkeit der Esperantisten vor, um sie zu Ehren des 25. Jahrestages der SED zu überreichen.

So könnte eine Reihe weiterer interessanter Initiativen genannt werden. Mit Berichten über die Teilnahme von DDR-Delegationen an Esperanto-Weltkongressen und Seminaren schloß die interessante zweitägige Beratung.

# *Sovetaj kaj germanaj lernantoj kunlaboras*

Dum la lernojaro 1969/1970 la lerneja Esperanto-rondeto „La Fajrero“ korespondadis kun kelkaj gesamideanoj kaj kun unu lernejo en GDR. La rondeto kolektis por Lenin-ekspozicio esperantaĵojn pri Lenin. Jam antaŭe estis ricevitaj pluraj numeroj de „der esperantist“ kun koncernaj artikoloj (sendis s-no *Helmut Simon* el Dresden). Novajn numerojn sendis Karl-Marx-Oberschule, Rottwerndorfer-Str., Pirna (instruistino s-ino *Irma Bisanz,*) estis ricevitaj n-roj 162/163 kaj 187/188 de „Paco“ el GDR, la libro „Germana Demokratia Respubliko, bildoj kaj faktoj. Siajn rememorojn sendis s-noj el Karl-Marx-Stadt s-roj *Werner Polster* kaj *Alfred Müller,* ili kaj s-no *Hans Manske* (Berlin) sendis ankaŭ aliajn eksponaĵojn. La ricevitaĵoj el GDR estis eksponataj en Ziemeri-lernejo en internacia Esperanto-ekspozicio „V. I. Lenin 1870—1970“ ekde la 18-a ĝis la 28-a de aprilo 1970, dum la solena malfermo estis antaŭlegataj iliaj salutoj kaj leteroj (t. e. de la manciitaj gesamideanoj). Tre amikaj estis kontaktoj inter infanoj en Ziemeri kaj Pirna. Niaj amikoj el Pirna sendis al ni salutojn okaze de niaj ŝtatfestoj, ni ricevis de ili diversajn suvenirojn. Pasintjare nia lernejo aranĝis internacian Esperanto-ekspozicion de infandesegnaĵoj. S-ro Werner Polster kolektis el Supera lernejo „Ernst Thälmann“, Pionierhaus „Juri Gagarin“ kaj Brühlschule I en Karl-Marx-Stadt entute 60 belegajn infandesegnaĵojn kaj sendis por nia Esperanto-ekspozicio. Nia lernejo ricevis ĉ. 900 infandesegnaĵojn el 18 landoj. Ĉi-jare nia distrikta muzeo en urbo Alūksne prenis el ĉi-desegnaĵoj 100 desegnaĵojn de infanoj el socialismaj landoj kaj ekspoziciis ekde la 1-a ĝis la 15-a de Junio. Inter la desegnaĵoj eksponitaj estis kelkaj ankaŭ el la menciitaj el GDR. En nia distrikta ĵurnalo „Oktobra Karogs“ („Standardo de Oktobro“) n-ro 66 (493) de la 6. 6. 70 aperis artikolo „Infanoj en la tuta mondo deziras pacon“ plume de la estrino de la muzeo k-dino I. Zarina. Interalie tie tekstas: „Germanaj infanoj dediĉis multajn desegnaĵojn al la 20-a datreveno de la ekzistado de GDR“.

Omaĝe al la jubileoj de V. I. Lenin kaj Friedrich Engels ni nun interŝanĝas kun niaj amikoj en GDR poŝtmarkojn kaj aliajn materialojn, dediĉitaj al la grandaj jubileoj.

*Arturs Kubulnieks Aluksne, Kr. Barona 42, Latvio/USSR*
*Vicdirektoro de la lernejo en Ziemeri*

---

**Aperis Soveta eldono de „Paco“ (3/4, 1970)**

La soveta eldono de „Paco“ 1970 estis dediĉita al la vivo, agado kaj signifo de W. I. Lenin. Estas aldonita broŝuro „Centa datreveno de la naskiĝo de V. I. Lenin“, Tezoj de CK de KP de Soveta Unio.

**Filmo pri la atombombaj viktimoj de Hiroŝima**

La esperantistoj de distrikto Leipzig akiris de brita pacbatalantino treege kortuŝan filmon pri la teruraj sekvoj de la imperiisma ĵeto de atombombo sur Hiroŝimon en 1945. La filmo estas sinkronigita en Esperanto, daŭras ĉ. 20 minutojn, 16 mm, lumsono. Ĝi estas prunteprenebla kontraŭ 10,— ĉe Distrikta Laborrondo Esperanto Leipzig. Skribu al k-do Walter Dietze, 7105 Großpösna, Saalbergstraße 21.

# Kunlaboro kun la junularorganizo de GDR

Kiel ni jam raportis, en speciala fakgrupo en la kadro de la centra renkontiĝo en Karl-Marx-Stadt (25.—27. 9. 70) estis pritraktitaj problemoj de nia plua junulara Esperanto-movado. La delegitoj akceptis tezojn por plua junulara laboro kaj leteron direktitan al la centra konsilantaro de Libera Germana Junularo (FDJ). Tiuj tezoj kaj letero kompreneble estis transdonitaj kun multe da informa materialo al la centra konsilantaro. Centra Laborrondo (JK) ricevis tre afablan respondleteron de unu el la gvidaj sekretarioj de FDJ, Frank Bochow, en kiu tekstas inter alie „Komisiite de la unua sekretario mi volas tre kore danki al vi pro la al mi transdonita letero de la junaj delegitoj de l'esperanto-amikoj de GDR de 27. 9. 1970. Ni estas certaj, ke la kunlaboro kun la junaj esperantistoj de GDR, kiuj estas organizitaj en la Germana Kulturligo, fruktodone evoluos ..."

Ni do povas ĝoji pri la amika kaj komprenema sinteno de la estraro de nia junularorganizo. Necesas nun, ke ĉiuj junaj esperantistoj do pripensu, kielmaniere eblus agi en la kadro de la FDJ-grupoj laŭ la celoj de FDJ kaj de ni.

Ankaŭ estus bone, ke ĉiuj junaj esperantistoj estu membroj de FDJ ĉar alikaze ja ne povas evolui ia kunlaboro.

Plue ni atentigas, ke nepre necesas, ke en ĉiu distrikto kaj subdistrikto estu respondeculo por junularaj aferoj. Nur tiel ni povas certigi sisteman kaj kunordigitan junularan laboron. Kaj rilate la aĝo ne tro zorgu! Necesas antaŭ ĉio *junulare* labori ...

Ni atendos do viajn rimarkojn, iniciatojn, kritikojn, sugestojn, kontribuojn, artikoletojn, vizitojn ... kaj pluajn -ojn. JK de CR

---

**4a Internacia Tendumado de Esperantistaj Infanoj Hungario — Balatonfenyves, 1971**

Por infanoj, ne pli ol 15-jaraj, lernintaj minimume 6 monatojn Esperanton eblas partopreni.

La 4-a Internacia Tendumado okazos en Julio por 2 semajnoj.

Partoprenkotizoj de 700 forintoj inkluzivas manĝadon. trandokton kaj la tutan programon.

Informojn ĉe Magyar Eszperanto Szövetség 3. sz. Területi Bizottsága Pécs.

**X-a Kulturfestivalo de BEJ**

**Bulgara Esperanto-Junular okazigas de 3. 4. — 5. 4. 1971 la X-an kulturfestivalon.**

Informojn ĉe Bulgara Esperanto Junularo, P. K. 66, Sofio, Bulgario.

# Metodiko

## *Kiel komenci instruhoron? (II)*

*de Dro Till Dahlenburg*

Nun kelkaj proponoj:

*Temo: Biografio*

Instruisto:

Mia nomo estas ..., mi naskiĝis en ...
Kiu estas via nomo kaj kie vi naskiĝis?

*La instr. donas modelon de la respondo kaj de la demando.*

Kursano 1:

Mia nomo estas ..., mi naskiĝis en ...
Kiu estas via nomo kaj kie vi naskiĝis?

*La kursano respondas al la demando de la kursestro kaj nun turnas sin al kunlernanto.*

Tuj post la modela informo kaj la modela demando flanke de la kursestro la aktiveco transiras al la lernantoj; la kursestro komence nur plibonigas la prononcon aŭ ripetas forgesitajn vortojn aŭ formojn; se la lasta kursano respondis al la demando de sia kamarado, li siaflanke turnas sin al la kursestro kaj igis lin vera dialogpartoprenanto.

Tiel oni povas en la komenco de ĉiu instruhoro trejni diversajn mallongajn dialogojn, kiuj tuŝas la personon, hejmon, profesion, vojaĝojn k. t. p.
*Temo: Politikaj eventoj.*

Informoj pri aktualaj, speciale pri politikaj eventoj ne nur interesigu la gekursanojn pri la vivo en la mondo, sed ankaŭ preparu ilin al memstara legado de esperantaj gazetoj aŭ ĵurnaloj. Riĉan materialon, t. e. mallongajn, koncizajn sciigojn vi regule trovas en multaj ĵurnaloj, ekzemple en „Paco“. En ĉi-tiu konekso estas interese mencii artikolon en la ruslingva ĵurnalo „La Rusa lingvo en eksterlando“ [3]), en kiu oni konstatis, ke la plej tipaj politikaj gazetaj informoj koncernas internaciajn kontaktojn, enmanigon de akreditaĵoj, telegraminterŝanĝojn, kongresojn kaj kunvenojn, balotadojn kaj formigon de registaroj. Estus dezirinde, ke ankaŭ en nia esperanta jurnalo „der esperantist“ troviĝus pli multe da supre menciitaj, en la instruado facile, uzeblaj informoj.

Ekzemple, unu teksto el la ĵurnalo „Nuntempa Bulgario“ n-ro 10/1968, p. III., priparolanta la viziton de registara deligitaro en Bulgario, enhavas ofte uzeblan modelon por similaj informoj pri vizitoj flanke de alilandaj registaraj delegitaroj en nia lando. (La vortoj, metitaj en parentezoj, estas ŝanĝeblaj per aliaj nocioj aŭ nomoj.)

*„En nia lando faris viziton (turka) registara delegitaro gvidata de la ministro de (Energetiko kaj Naturaj Fontoj) de (Respubliko Turkio), s-ro (Refet Sezgin).*

*Dum sia restado en nia lando la (turka) delegitaro havis interparolojn kun nia delegitaro gvidata de la ministro de (Energetiko kaj Brulmaterialoj inĝ. Konstantin Popov) pri la kunlaborado de la du landoj en la sfero de (energetiko kaj la karba industrio).“*

# EUGEN MENGER (1902-1971)

En la novjara nokto de 1971 post longa suferriĉa malsano mortis nia kamarado kaj amiko Eugen Menger, la vicprezidanto kaj iama sekretario de Centra Laborrondo Esperanto de GDR.

Kun li ni perdis energian kaj celkonscian elstaran homon, kiu kunstruis kun klara kompreno por la realeco la fundamenton por la nova organizita eklaboro de la esperantistoj en GDR.

Li estis ek de sia junaĝo intime ligita al la komunista partio, havante jam dum la 20-aj jaroj sespondecajn funkciojn.

Sian riĉan spertaron el batalplena vivo kune kun granda homeco kaj la sindono al la novaj taskoj li dediĉis al la laboro de la esperantistoj en GDR. Eble nur malmultaj sciis, ke por Eugen Menger la labortago ĉiam havis pli ol 12 horojn, malgraŭ ĉiam pli ofte ripetiĝanta malsano.

Ni sincere dankas al la forpasinto solidan fundamenton, sur kiu ni plugvidas la laboron per kaj por la internacia lingvo.

Nia aktiva kaj ĉiam pli bona laboro estu esprimo de nia honormemoro por Eugen Menger.

*Centra Laborrondo Esperanto de GDR*

La instruisto, komence elparolinte la tutan tekston, ripetas la diversajn frazojn kaj post ĉiu frazo faras demandon al la grupo, ekz.

*„Kiu delegitaro faris viziton en nia lando? Kiu gvidis la delegitaron? k. t. p.*

Dialogiginte tiamaniere la tutan informon (dialogo inter la instruisto kaj la gekursanoj), la kursestro petas la ĉeestantojn demandi unu la alian pri kelkaj detaloj de la novaĵo. Nun la gelernantoj interparoladas inter si pri la vizito, pli malpli imitante la antaŭe aŭditajn modelajn demandojn de la instruisto. La kursestro mem ne partoprenas la dialogon, sed nur atente sekvas la vortojn, donas la parolon kaj helpas, se necesas.

La sekvo de la demandantoj estas tute hazarda. Tre oportunaj por rapida kompreno flanke de la gelernantoj estas informoj kaj dialogoj, enhavantaj geografiajn nomojn, ekz.

*La ĝenerala sekretario de la Unuiĝintaj Nacioj, U Thant, faris vizitvojaĝon tra afrikaj landoj. Li estis an la okcidentafrikaj ŝtatoj Maŭretanio, Senegalo, Supra Volto kaj Nigerio.*

Tiel realigita alkutimigo de la gekursanoj al la lernatmosfero ne nur forigas kompreneblajn komencajn parolĝenatecojn ĉe ili, sed ankaŭ devigas la kursestron ĉiam kunigi aktualajn, speciale politikajn eventojn en la mondo kun la disvolvigo de la parolkapableco kaj de la kleriĝpreteco.

**Notoj**

[1]) Ĵurnalo „Pädagogik", 8/1970, p. 730.
[2]) Ĵurnalo „Pädagogik", 8/1970, p. 693.
[3]) Ĵurnalo „Russkij jazyk za rubežom", 1/1968, p. 54.

## LA GAZETARO PRI NI

*Norddeutsche Neueste Nachrichten"*, Rostock, 27. 10. 70 iom ampleksa kursanonco, 23. 11. 70 tre longa artikolo bonege varbanta pri la komenco de la 6-a kurso en Rostock.

Intertitoloj: „Pedagogoj kaj dommastrinoj", „Simpla gramatiko".

*„Thüringer Tageblatt"*, Weimar, 24. 10. 70. Pri la 5-jara laboro de la esperantistoj, kursalvoko.

*„Ostsee-Zeitung"*, Rostock, 3. 11. 70 (kursanonco), 18. 11. 70 (pri du esperanto-filmoj). Kurskomenco amplekse priparolita (50 komencantoj).

*„Sächsische Zeitung"*, Dresden, 20. 10. 70, pri vojaĝo de k-do Fuchs al Pollando, ampleksa.

*„Märkische Union"*, Potsdam, 8. 11. 70, tre ampleksa artikolo „Ferioj en esperantio" pri feriejo en Miedzygorze.

*„Werftstimme"* Warnow-Werft, Warnemünde, 19. 11. 70, ampleksa varbartikolo.

*„Thüringische Landeszeitung"*, Gotha, 23. 9. 70, ampleksa artikolo „migremaj esperantistoj" pri subdistrikta renkontiĝo. 11. 8. 70 pri Viena kongreso kaj PIV, 26. 8. 70, 11. 9. 70 informoj pri la loka movado.

*„Märkische Volksstimme"*, Potsdam, 19. 12. 70, raporto pri feriado en Pollando „Interkompreniĝo sukcesis".

*„Liberaldemokratische Zeitung"*, Halle, 14. 10. 70, saluto de esperantistoj el Miedzygorze (Imintinda! — La red.)

*„Sächsische Neueste Nachrichten"*, Bautzen (Oberlausitz) 31. 10. 70, tre ampleksega (vere!) artikolo, 120 linia, „Esperanto-rekonita de UNESCO". — La esperantistoj el Bautzen raportas — „Ankaŭ kiel klara lingvo akceptita en la internacia telegrafado". Artikolo laŭ bonega prelego de s-ino Linde Knöschke.

*„Volksstimme"*, Magdeburg, 5. 11. 1970, ankaŭ ampleksega artikolo pri Esperanto, 80 linioj.

*„Der Morgen"*, Berlin, ĉiun duan dimanĉon, esperanto-kurso de Peter Levsen, taŭgaj dialogoj el la ĉiutago, sistema prezento de la ĉeftrajtoj de la lingvo, taŭga por ĉiu kursgvidanto. (La lastaj leciono aperis 1. 11. 70, 15. 11., 29. 11., 13. 12., 27. 12. 70, 10. 1. 71, 24. 1. 71, 7. 2. 71, 21. 2. 71) ĉiu leciono ankaŭ havas interesan informon pri Esperanto kaj ties apliko.

*„Der Morgen"*, 27. 12. 70, noto pri la pola programo „Kaj tio estas Varsovio" en la plenumo de Andrzey Tomecki.

**La redakcio petas pri pluaj sendoj de aperintaj artikoloj. Bv. ne forgesi indiki la precizan titolon kaj daton.**

---

**Soveta kolorfilmo**

La Esperanto-Komisiono de Soveta Unio faris al CL malavaran donacom. Ni nun disponas pri unike bela kaj impresa kolorfilmo (50 minutojn, 16 mm, lumsono) kun la titolo „La tero, kiun mi amas". Vere, tiu filmo montras eksterordinare bone la vastan, multpopolan, multvizaĝan kaj belpejzaĝan gigantan landaron: Soveta Unio. La filmo estas luebla ĉe CLR.

*Curt Kessler*

## Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto VII

**Harnisch / in ... geraten** ekscitiĝi; ekkoleri;
**hart / ... auf ... gehen** senceda (akra) batalo (kolizio);
**Hase / er ist ein alter ...** li estas maljuna praktikulo (spertulo); **da liegt der ... im Pfeffer** jen la malfacilajo (tubero) en la afero; **falscher ...** rostita (viand)-hakajo; **er ist ein ...nfuß** li havas koron de leporo; li timas sian propran ombron; li estas bravulo el post la arbo; li estas el la regimento de timuloj; li kuras de sia propra korpo; li estas brava homo en sia domo; kuraĝe li staras, kiam muro lin baras; lipharo de grandsinjoro, sed koro de leporo; li estas bravulo kontraŭ muŝo, sed muŝo kontraŭ bravulo; el post la arbo li estas bravulo;
**Haube / unter die ... kommen** trovi edzon; edziniĝi;
**hauen / sich durch die Feinde ...** sin trabati tra; **über die Schnur ...** transiri la limojn; **in Stücke ...** dishaki;
**Haufen / über den ... werfen** renversi;
**Haupt / aufs ... schlagen** venki; **an ... und Gliedern** (reformi) ĉe kapo kaj membroj **bemoostes ...** malnovega studento;
**Haus / in etw zu ... sein** scii elfunde ...n; en tio li estas en sia elemento; **sein ... bestellen** ordi siajn aferojn; testamenti; **mit der Tür ins ... fallen** paroli senceremonie (sen antaŭaĵo); **j—n das ... einlaufen** sieĝi ies pordon; elbati ies sojlon; **von ... aus** deorigine; de naskiĝo; **zu ...e** hejme; en la hejmurbo; en la lando; **nach ...e** hejmen; **ich bin für niemand zu ...e** mi ne akceptas vizitantojn; mi ne estas vizitebla; **wo sind Sie zu ...e?** kiu estas via hejm(land-, lok-)-urbo; **sich zu ...e fühlen** senti sin hejmeca; senti sin kvazaŭ familiano; **zu ...e hocken** fornosidi;
**Häuschen / aus dem ... sein** esti ekster si; esti sen brido kaj gvido;
**Haushalt / er führt sich selbst den ...** li estas sia propra mastrino;
**häuslich / sich ... niederlassen** enloĝiĝi; sin establi;
**Haut / sich seiner ... wehren** defendi sin; batali pro sia propra vivo; **mit ... und Haar** tutege; **mit heiler ... davonkommen** li eliris sen frakaso el granda embaraso; senplumigi kokinon, ne vekante mastrinon; **seine ... zu Markte tragen** riski sian vivon; riski proprajn perdojn; **eine ehrliche ...** honestulo; sincerulo; rektanima homo; **aus der ... fahren** furioziĝi; perdi la paciencon; voli (deziri) streĉiĝi el sia haŭto; **auf der faulen ... liegen** maldiligentadi;
**Hebel / am längeren ...arm sitzen** havi pli grandan influon;
**heb/en / aus der Taufe ...en** esti baptopatr(in)o; **...e dich weg!** foriĝu! **das ...t sein Ansehen** tio igas lin pli respektata;
**Heft / das ... in der Hand halten** esti mastro de afero;
**heftig / aufs ...ste** en plej alta grado;
**Heil / sein ... versuchen** fari (la) provon; **... dir!** feliĉon al vi; vivu!; **im Jahre des ...s** en la jaro post nia Sinjoro; **mit ...er Haut** nedifektite; nevundite;
**Heiliger / ein sonderbarer ...** strangulo;
**heiß/en / was soll dieses Benehmen ...en** kion volas diri ...; **das will viel ...en** tio signifas multon; **ich saß auf ...en Kohlen** mi sidis kiel sur pingloj; **hier ...t es aufpassen** ĉi tie oni devas atenti; estas necese atenti; **es ...t, daß** oni diras, ke; estas dirate (famo) ke; **das ...t** tio estas (t. e.); tio volas diri; **wie ...t auf Esperanto?** kiel oni tradukas esperanten?;
**helfen / wart, ich werde dir ...! (Drohung)** atentu, mi venos!; **jemand auf ein Wort ...** helpi iun trovi; **sich zu ... wissen** scii kion fari; **es hilft nichts, du mußt ...** ne estas eviteble;
**hell / in ...en Haufen** grandare; multope; **n ...er Begeisterung** kun flamanta entuziasmo;
**Heller / bis zum letzten ...** ĝis la lasta pfenigo; **auf ... und Pfennig** ĝis la lasta pfenigo;
**her / kommt ...!** aliru!; alproksimiĝu!; **von wo ...** de el (la urbo); **wo bist du ...?** kie vi estas naskita? **es ist acht Tage ..., seit** pasis ok tagoj, de kiam; **der Wein ist nicht weit ...** ne multe taŭgas; **hinter etw ... sein** fervore postkuri ion; avidi al; **neben ihm ...** ĉe lia flanko; apud li;
**heraus / von innen ...** de interne; **die Fenster gehen nach vorn ...** rigardas al la strato; **... mit der Sprache** parolu!; for nun la silenton!; **was hast du ...?** kiun rezulton vi trovis?; **mit der Sprache ... gehen** paroli sincere (malkaŝe); **das kommt auf dasselbe ...** tio estas fine la sama; **es stellt sich ...** montriĝas, ke; **dabei wird nichts Gutes ...kommen** tio kondukos al nenio bona; **er hat sich gut ...gemacht** lia sanstato (komerca situacio) tre boniĝis; **sich viel ...nehmen** multe arogi; **zum Halse ...wachsen** tedege; naŭzegi;
**Herd / eigner ... ist Goldes wert** ĉie estas varme, sed hejme plej ĉarme;
**herein / ... ohne zu klopfen** eniru nefrapante;

**hergehen** / **es geht hoch her** oni grandioze (laŭte) festas; **nun geht es über dich her** nun oni celas al vi; ili atakas vin;
**herkommen** / **das kommt vom Geiz her** jen la sekvoj de l'avareco;
**Herr** / **Ihr ... Vater** sinjoro via patro; **seiner Leidenschaft ... werden** venki; majstri; bridi; subigi sian pasion; **sein eigner ... sein** esti sendependa; esti patrono por sia propra persono; **... sein über seine Zeit** libere dispono pri; **... X** sinjoro ajnulo; **man kann nicht zween ...en dienen** oni ne povas sin movi laŭ ĉiu vento aparte; **wie der ...e, so's Gescherre** kia la poto, tia la kovrilo;
**herrühren** / **von jemand ...** kiu estas la aŭtoro de;
**herum** / **das Gerücht ist in der ganzen Stadt ...** trakuris la tutan urbon; **der Preis liegt um 10 Mark ...** estas ĉirkaŭ (proksimume) dek markoj; **... mit dem Kopf!** turnu la kapon!
**Herz** / **soviel das ... begehrt** kiom la koro deziras; **ihm ist das ... in die Hosen gefallen** lia animo forkuris en la pinton de la piedo; **sein ... ist weich wie Wachs** lia koro estas mola kiel vakso; **er traf ihn (mit Worten) mitten ins ...** li tranĉis lin rekte en la karnon; **er hat das ... auf dem rechten Fleck** li havas la kapon sur la ĝusta loko; **sein ... ausschütten** malŝarĝi antaŭ iu la koron; **ein ... haben für** havi kompaton al; kunsenti kun; **j—m etw ans ... legen** insiste rekomendi ion al iu; **das ... auf der Zunge tragen** kio en la kapo, tio sur lia lango; kion la koro sentas, lia lango prezentas; li raportas pri ĉiuj cirkonstancoj kaj nuancoj; li rakontas ĉion faritan kaj kaŝitan; li malkovras antaŭ ĉiu sian koron; **sich ein ... fassen** ekkuraĝi; **ein ... und eine Seele** vivi en fido kaj konfido; vivi tute harmoniantaj; ĉiam unuanimaj; vivi per unu animo en du korpoj; vivi en intima amikeco; **etw übers ... bringen** havi la kuraĝon; sin devigi al; kuraĝe plenumi; **nicht übers ... bringen** ne havi la kuraĝon; ne povi sin devigi; **ans ... gewachsen sein** parto de mia koro; korligita; **da lacht einem das ... im Leibe** la koro ridas, kiam tion ĝi vidas; la koro ĝojas tion vidante; **wes das ... voll ist, des gehet der Mund über** koro pleniĝas, lango moviĝas; **es drückt mir das ... ab** tio premegas mian koron; **aus vollem ...en** plenkore; **das liegt mir sehr am ...** tio estas tre grava por mi; **von ...en gern** volontege; kun granda plezuro; **zu ..en gehend** kortuŝa; **etw auf dem ..en haben** havi (kor)deziron; **sich etw zu ...en nehmen** afliktiĝi pri (pro io);
**Heu** / **Geld wie ...** pli da mono ol bezono;
**heute** / **... rot, morgen tot** hodiaŭ forto, morgaŭ morto; hodiaŭ festene, morgaŭ malplene; **... in acht Tagen** post unu semajno;
**Hexerei** / **Geschwindigkeit ist keine ...** lerteco sorĉon ne bezonas;
**hierher** / **das geht mir schon bis ...** ĝi jam staras al mi en la gorĝo;
**Hilfe** / **um ... bitten** peti helpon; **mit ... von** helpe de; **zu ... kommen** veni por helpi (subteni);
**Himmel** / **unter freiem ...** sub libera ĉielo; subĉiele; **wie vom ... gefallen** de aero al tero; **weiß der ..., wie** Dio scias, kiel; **wollte der ..., daß** plaĉu al ĉielo. ke; **der ... voller Geigen** la ĉielo ridas (radias); **in den ... heben** laŭdi ĝis la ĉielo; diigi; **er lügt das Blaue vom ... herunter** li mensogas kiel kalendaro (gazeto, funebra parolo); li mensogas tiel, ke la muroj krakas; li mensogas maŝine; **aus allen ...n fallen** subite seniluziiĝi; **um ...s willen!** en la nomo de la ĉielo; **in allen ...srichtungen** unu oriente(n), alia okcidente(n);
**hin** / **vor sich ... lachen** ridi al si; **... ist ...!** farita ne fariĝos; **nach rechts ...** dekstren; **am Flusse ...** laŭlonge de la rivero; **die Zeit ist ...** la tempo pasis; **mein Geld ist ...** mi perdis mian monon; **ganz ... sein** esti tute elĉerpita; **auf dein Versprechen ...** konfidante al via promeso; **... und her** tien kaj tien; **... und zurück** ire kaj reire; **... und wieder** iam kaj iam; **... wie her** la sama afero;
**hinaus** / **über alles Maß ...** ĝis transe de ĉiu mezureblo;
**Hinblick** / **im ... auf** konsidere;
**hinein** / **sich in etw ...finden (1. sich fügend)** alkutimiĝi; kontentiĝi je; **(2. verstehend)** kompreni ion; trovo vojon al (en, tra); **er ist ...gefallen** li trafis per la vizaĝo en koton; li enbatiĝis; **in den Tag ...leben** vivi ne pensante al la morgaŭo; **in etw ...reden** enparoli; **j—m ...reden** insiste paroladi al iu;
**hingehen** / **j—m etw ... lassen** ignori; malatenti;
**hinter** / **viel ... sich haben** multon esti travivinta; **... seinen Reden steckt nicht viel** liaj paroloj estas sen graveco;
**Hinterbein** / **sich auf die ...e stellen** (ek)obstini;
**Hinterhalt** / **im ... liegen** embuski; **sich in den ... legen** embuskiĝi; **im ... haben** havi en rezervo;
**Hintertreffen** / **ins ... kommen** esti superata de;
**hoch** / **wenns ... kommt** maksimume; **ein ... ausbringen** tosti al; **er lebe ...!** (li) vivu!; **... spielen** far grandan (riskan) ludon; **das ist mir zu ...** tio estas trans mia horizonto; **... und heilig** solene (promesi); **sie kamen sechs Mann ...** sesope; **etw ...spielen** malbagateligi ion; „pufigi" ion; ŝajnigi grava (danĝera); **es ist hohe Zeit** estas urĝa tempo; urĝas; **auf dem hohen Pferde sitzen** afekti superulon (superecon); **hoher Rat (Kirche)** sinedrio;

(Fortsetzung auf Seite 15)

**krim-o*** Verbrechen
**kring-o** (Kk.) Kringel
**krinolin-o** (Kl.) Krinoline, kp. **pedinkoto**
**kriptogamoj** (bot.) Kryptogamen, Verborgenblüher
**kripto/grafi-o** Geheimschrift; **--gram-o** Geheimschreiben
**krisol-o** = **fandujo** Schmelztiegel
**krisp-o** 1. (Kl.) (Hals-)Krause 2. (Kk.) Gekröse
**kristal-o*** Kristall; **--oido** ...oid
**kritik-i*** kritisieren; **kriticismo** Kritizismus
**krizokal-o** Chrysokalk, goldfarbene Legierung
**krizopraz-o** (Halbedelstein) Chrysopras
**kroĉet-i** häkeln; **--aĵo** Häkelei; **--ilo** ...haken
**krom-o** (kem.) Chrom; **--flavo** ...gelb; **bi--ato** Bi...at
**kromat-a** chromatisch (muz.) in Halbtönen fortschreitend; (opt.) mit farbigen Rändern
**kromolitografi-o** Chromolithographie
**kromosfer-o** (astr.) Chromosphäre (d. Sonne)
**kron-o** Krone, Kranz, letzterer a. **rondgirlando**
**kronologi-o** Chronologie, Kunde d. Zeitfolge
**kronometr-o** Chronometer; **--i-o** Chronometrie, genaue Zeitmessung
**krotal-o** Klapperschlange (zoo. Crotalo)
**kruc-o*** Kreuz; **--iferoj** (bot.) ...blütler
**ksifi-o** Schwertfisch (Xiphias gladius), a. **„glavofiŝo"**
**ksilograf-o** Holzschneider; **--i-o** Xylographie, Holzschneidekunst
**kudr-i*** nähen; **mal--i** trennen; **duon--i** heften
**kuir-i*** kochen; **fin- a. molkuiri** gar...; **--veturilo Gulaschkanone**
**kulak-o** Kulak, Großbauer
**kulas-o** (Lade-)Kammer (d. Schußwaffen)
**kuler-o*** Löffel
**kuli-o** Kuli (ehem. chines. o. ind.) Arbeiter, Lastenträger (f.) Fronarbeiter
**kulm-o** (bot.) Grashalm
**kulminok** (astr.) Kulmination
**kulomb-o** (el.) Coulomb, Ampèresekunde
**kulot-o** (Kl.) Kniehose
**kumis-o** (Kk.) Kumys
**kumul-i** kumulieren, (an-)häufen, zusammenlegen, -rechnen; **--ado de punoj** (jur.) Zusammenlegung von Strafen
**kumulus-o** (met.) Cumulus- o. Haufenwolke
**kup-o*** (med.) Schröpfkopf; **--i** schröpfen
**kupel-i** läutern (von Metallen)
**kupoks-o** (med.) Kuhpockenimpfstoff
**kupul-o** (bot.) Fruchtbecher (z. B. der Eicheln)
**kur-i*** laufen, rennen, schnell fortschreiten

## Komplementa Vortaro VII

Walter von Waldowski

**kapot-o*** 1. (Kl.) Kapuzenmantel 2. (tek.) (Motor-)Haube 3. **(fiksa a. faldebla) --o** Wagenverdeck
**kapr-o*** Ziege (Capra)
**kapre-o** Salweide (bot. Salix caprea)
**kapric-o*** Laune, Grille
**kaprifolj-o,** (-io) Jelängerjelieber, Art Geißblatt (Lonicera caprifolium)
**kapriol-o** Kapriole, Bocksprung
**karab-o** Laufkäfer (Carabus), dz. Gold... **or--o**
**karagan-o** Erbsenstrauch (Caragena), a. **„pizarbedo"**
**karakol-i** 1. (sp.) herumtollen (mit Pferden) 2. (mil.) ausschwärmen, plänkeln
**karas-o** Karausche (Carassius), dz. Goldfisch **or--o**
**karavan-o** Karavane. a. Gesellschaftsreise
**karbon-o*** (kem.) Kohlenstoff
**karbonad-o** 1. (Kk.) Karbonade 2. (min.) Karbonat
**karborund-o** (kem.) Karborung, Schleifmittel
**karbunkol-o** (min.) Karfunkelstein
gasen 3. (Eisen) kohlen; **--ilo** Vergaser
**kardamin-o,** (-eno) Schaumkraut (Cardamine), **herbeja k.**
**karbur-i** (kem.) 1. (Gase) **karburieren** 2. (Flüssigkeiten) veramara **--o**
**kardi-o** 1. (anat.) Magenmund, Cardia 2. Herzmuschel **(Cardium)**
**kardiograf-o** (med.) Kardiograph; **--ajo** ...gramm; **--grafio** ...ie
**kare-o** 1. (einrädrige Schub-)Karre 2. **(mil.)** Aufstellung der Soldaten im Karree 3. (Kk.) **Curry, a. kurjo**
**karen-o** 1. (mar.) Unterwasserteil der Schiffe 2. (bot.) Schiffchen (der Schmetterlingsblüten); **--forma** gekielt
**kariljon-o** (muz.) Glockenspiel; **--isto** ...er
**kariol-o*** Kariole, leichter zweirädriger Wagen
**karitat-o** Karitas, Nächstenliebe
**karlin-o** Wetterdistel, Eberwurz (Carlina)
**karm-o** (buddh. rel.) **Karma,** schicksalbestimmende Taten
**karmanjol-o** (hist. Kl.) Jakobinerjacke, 2. Carmagnole, französ. Revolutionsgesang
**karnivor-oj** (zoo.) Fleischfresser; **--a** ...fressend, **karnomanĝa**
**karob-o*** Johannisbrot; **--ujo** ...baum (Ceratonia siliqua)
**karoserio-o** Karosserie, Wagen-Oberteil

* = oficiala radiko

